INTERNACIA ĴURNALISTO 3/94
organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# Perkoresponda kurso por trejni ĵurnalistojn estas sur bona vojo

La estro de l' TEĴA-komisiono pri trejnado de ĵurnalistoj, Paŭlo Gubbins, energie atakis la taskon ellabori perkorespondan kurson - kaj jam pretas granda parto. En freŝa kaj vigla stilo la kurso konsilas, instruas kaj instigas estontajn esperantistajn ĵurnalistojn kaj redaktorojn por profesi-nivela verkado kaj redaktado. En la fokuso de l' kurso estas precipe praktikaj ekzercoj.

**Komunikad-scienco kaj ĵurnalistiko en AIS**

Samtempe alia kurso estas preta, tiu de Stefan Maul por Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS). Tiu ĉi universitat-nivela kurso pri komunikad-scienco kaj ĵurnalistiko estas proponata al studemuloj dum la ĉi-jara AIS-sesio en San Marino (SUS 13, 27 aŭg - 4 sep 94).

**Kial du kursoj por ĵurnalistoj?**

Kial paralele oni prezentas du kursojn samtemajn? Ĉu ne - superflue - duobla laboro? La diferenco troviĝas kaj en la cel-grupoj kaj en la metodoj. La AIS-kurso ebligas akiri sciencan gradon pri la fako kaj fariĝi ĵurnalisto en ampleksa, ĝenerala senco; ĝi peras teoriajn sciojn pri komunikad-scienco laŭ ĉiuj gravaj facetoj, kiujn bezonas ĵurnalisto laboronta profesie, ne nur amatore por esperantistaj gazetoj aŭ radiostacioj.

Kontraste, esperantistaj verkantoj kaj redaktoroj ne bezonas tiajn teoriajn kaj sciencajn sciojn, ili bezonas precipe praktikajn konojn kaj spertojn por plenumi siajn taskojn kiel amatoraj ĵurnalistoj. Longdaŭra, plur-sesia studado kiel en AIS por ili parte estus nur balasto. En la perkoresponda kurso de TEĴA ili mem povas destini rapidecon de lernado.

**Kurs-komenco en aŭtuno 1994?**

Kiam TEĴA definitive povos proponi kaj oferti la kurson? Probable jam en aŭtuno ĉi-jara. Jam atingis nin unuaj informpetoj kaj demandoj, sed tiuj personoj devas havi ankoraŭ iom da pacienco. Tamen, se iu el vi mem volas partopreni la perkorespondan kurson aŭ scias alian lernemulon, bonvolu anonci vin aŭ atentigi aliajn pri la kurso. Se ni scias la nombron de kursanoj, ni povas pli bone plani.

## Ni ne kunvenos en Seulo

Dum la ĉi-jara Universala Kongreso de Esperanto en Seulo ne okazos membro-kunveno de TEĴA. Legu pri tio sur paĝo 2.
La agad-raporton de la ĝenerala sekretario de TEĴA ni aperigos en la venonta numero de IĴ.

## ENHAVO

**Miraĝo de senengaĝo**
Komplika situacio en Hungario

**De nova mond-ordo al pli multa libereco**
Alia strategio de Unesko

**Fakĵurnalistoj kritikas informadon unuflankan**
Plendoj pri evolulandoj

**Dum longaj noktoj oni legas multe**
Aparta finna merkato

**En Piktogramio**
Skizo pri *Euro News*

**Fiasko de ĵurnalistoj**
Balkan-milito kaj etiko

**Varsovio jubileas per satelito**

**Ĉu survoje al televidokratio?**
Nova fenomeno en Italio

**Tipologio de komposteraroj**

Kaj la rubrikoj
Persone
Revuo de revuoj
Leteroj
Metiejo

*KOLOFONO*

**INTERNACIA ĴURNALISTO**
Organo de

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

Aperas 4foje dum jaro.

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, tel./telefakso (49) 821 / 520385
Redaktofino de ĉi tiu numero: 18 jun 94



Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.

*Verantwoordelijke uitgever:* Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Kompostata per Atari Signum 2. Presata de Flandra Esperanto-Ligo.



## OFICIALAJ INFORMOJ de la TEĴA-estraro

● **Membrokunveno** ĉi-jare ne okazos. Ĉar UEA nun postulas de fak-asocioj de la kategorio *kunlaborantaj kun UEA* - tia estas TEĴA - pagon por salono dum Universalaj Kongresoj (antaŭe ĝi estis senpaga por du horoj), ni rezignas pri membrokunveno en Seulo, konsiderante la altan ŝuldon de l' asocio. Krome, probable, neniu estrarano de TEĴA povos partopreni la kongreson. Sekve la venonta membrokunveno - kun elektoj - okazos nur dum la UK en Tampereo, Finnlando, en 1995.

● **Nuligo de membreco.** Por iom redukti la ŝuldon de TEĴA, konforme al la reglamento la estraro nuligis la membrecon de 38 personoj, kiuj ne pagis kotizon por 1991 - 1994.

● **Novaj membroj.** Post redaktofino de la jarlibreto de TEĴA aliĝis jenaj membroj, kiujn ni kore bonvenigas:
Albanio: PERAJ s-ro Bahri Sadik, No 72, Shëngjin-Lezhë. Argentino: ORELLANA ROJAS s-ro Atilio, Casilla de Correo 1428, AR-5000 Córdoba. Aŭstralio: BROADRIBB s-ro Donald, 46 Great Eastern Highway, Bakers Hill WA 6562. Ĉinio: SHEN s-ro Minglun, Dexiangxiang 9, Manaolu, TJ-315020 Ningbo. Francio: DURAND s-ro, Les Nids, F-49190 St Aubin de Luigne. / LAVARENNE s-ro Christian, La Blua Domo, Rue de l'Esperanto, F-09800 Arrout. / LUDWIG s-ro Edmond, 26, route de la Schlucht, F-68140 Stosswihr. Germanio: MEIER s-ro Detlef, Marktplatz 8, D-63065 Offenbach. / SCHMITZ s-ro Harald, Christophstr. 10, D-50259 Pulheim. Irano: ZAMANY s-ro Gavam, Moalem av., Basij opposite, plate 27, Kangavar 67418. Japanio: KIKUSIMA s-rino Kazuko (Krizantemo), Tôkyô-to, Setagaja-ku, Umegaoka-Santyôme 5 - 15, 154 Japanio. Norvegio: DRAPER s-ro Douglas, Esperanto-oficejo, Olaf Schous vei 18, N-0572 Oslo. Pollando: BARANOWSKI s-ro Czeslaw, ul. Artylerzystów 18 B, PL-75-646 Koszalin. / SOBOL s-ro Boguslaw, str. Gospodarska 55, PL-05-822 Milanówek. Ruslando: GUDSKOV s-ro Nikolaj, Ŝĉerbakovskaja ul. 32/7, Kv. 292, RUS-105318 Moskva. / KULAKOV s-ro Viktor Aleksandroviĉ, p. k. 19, RUS-620043 Jekaterinburg. / LOZGAĈEV s-ro Nikolaj Viktoroviĉ, p. k. 4220, RUS-614000 Perm. Ukrainio: PAJUK s-ro Viktor, Volynska str. 17, UA-282004 Ternopil.
**Korektoj:** Brazilo: ĉe adreso de LEDON s-ro Gilbert René aldonu ĉe strato-numero literon A (do: 111-A); la poŝtkodo devas esti: 04809-120; telefono devas esti: (011)520-0490: ĉe adreso de LEDON s-rino Symilde Schenk poŝtkodo devas esti: 12460-000; telefono devas esti: (0122)62-1983. Rumanio: ĉe CRISTINA s-rino Catalina la nomo de la strato devas esti: Circumvalatiunii.

## PERSONE

**Jukka PIETILÄINEN**, redaktoro de *Esperantolehti*, fariĝis ankaŭ prezidanto de Esperanto-Asocio de Finnlando (EAF). TEĴA deziras al sia membro sukcesan laboron precipe pro la fakto, ke Universala Kongreso 1995 okazos en Finnlando.
**Bahri PERAJ**, Albanio (adreso supre), per granda oferemo kaj en malfacilaj teknikaj kondiĉoj eldonas kun sia frato dumonatan revuon *La Ponto*. Li estos danka pro alsendo de materialo.
**Stefan MAUL**, prezidanto de TEĴA, ricevis plian gvidan postenon, fariĝinte estro de FAME-fondaĵo. Ties kulturpremio estas plej alta en Esperantujo: 10 000 germanaj markoj.

# Miraĝo de senengaĝo

## Komplika situacio en Hungario

*de Sándor Révész*

**[La aŭtoro estas esperantista sociologo, kiu de jaroj pli-malpli kabeis, ĉar li tre aktive ĵurnalistas en la hungara. Lia artikolo montras, kiel en Hungario - simile kiel en multaj ekssocialismaj landoj - oni batalas pri efektiva ĵurnalisma libereco en nova demokratio. -** ***noto de l' red.*****]**

Nuntempe multajn vivigas la espero ke, se la politika kurso ŝanĝiĝos post la printempaj* elektoj, tiam la milito pri amaskomunikiloj finiĝos. Mi opinias absolute male. La milito pri amaskomunikiloj finiĝos se la nuna politika kurso daŭros plu, ĉu pro neatenditaj elekto-rezultoj, ĉu pro neokazigo de la elektoj, se la esperoj pri baldaŭa ŝanĝo de la politika kurso formortos. Tiukaze ekzistos nek publik-servaj amaskomunikiloj nek milito pri amaskomunikiloj, nur parti-servaj radio kaj televido; la informistaro reduktiĝos kaj falos en deprimon. Poste iom post iom malseveriĝos la silento kaj la deprimo, jam teni nin ni povos pli facile, la kurso iam - pro ekonomiaj kaŭzoj - kolapsos, kaj okazos io. Dio scias kiam kaj kio; ne indas okupiĝi pri tiu alternativo, nek se ni taksas ĝin probabla nek se malprobabla. (Laŭ mi, ĝi malprobablas, sed, kiel mi ĵus diris, tio ĉi ne gravas.)

### Milito daŭros

Sed se ŝanĝiĝos la politika kurso, kaj la nuna parlamenta opozicio - en koalicio tia aŭ alia - akiros determinan registaran rolon, tiam la milito pri amaskomunikiloj restos sama veto kaj plu daŭros.

Ĝi daŭros plu, ĉar la kondiĉoj por neengaĝita ĵurnalista ekzisto plue mankos ĉe la publikservaj amaskomunikiloj (kaj aliloke).

La kondiĉoj por neengaĝita ĵurnalista ekzisto, se mi bone kalkulas, estas kvar.

- Ke oni konsideru sin neengaĝita;
- ke oni estu tia;
- ke ekzistu konvene larĝa konsento pri tio ke oni estas tia;
- ke ekzistu konvene larĝa konsento pri la valoroj kiujn servas aktivado de neeengaĝita ĵurnalisto, ĉar se tiu konsento mankas, tiam lia engaĝiteco por neengaĝiteco necese fariĝas engaĝiteco por la politikaj fortoj, kiuj agnoskas tiujn valorojn, kaj kontraŭ la fortoj, kiuj ilin ne agnoskas.

### Ne neŭtralaj

Pro manko de la kvara kondiĉo ne povas plenumiĝi la tria kaj la dua, kaj pro manko de la dua, la unua ekzistas nur kiel falsa imago [falsches Gewissen?, Marx].

En la milito pri amaskomunikiloj, ne povis resti neŭtralaj la programfarantoj laborantaj en politikecaj kampoj, kaj apenaŭ la ceteraj; krome, preskaŭ ĉiuj kampoj fariĝis politikecaj, ĉar la batalo por la inform-rimedoj miksiĝis kun kulturbatalo [Kulturkampf] por la reprezentado de la simbolaj valoroj. La manko de la kvara kondiĉo trudis politikan engaĝitecon ankaŭ al granda parto de la artistoj kaj de la intelektaj kreantoj, dum signifa parto de ili fakte jam aktive (aŭ almenaŭ manifestad-cele) politikumis - afero sufiĉe natura en historie reĝim-determinaj tempoj, sed el ĝi sekvas, ĉe la ekzistantaj kondiĉoj, ke la ĉeesto aŭ manko de iliaj verkoj fariĝas, sendepende de ties enhavo, politika fakto.

### Memtrompo

La politika engaĝiteco, unuflanke, kaj la engaĝiteco por gazetara libereco kaj senpartia informado, aliflanke, senespere miksiĝas. Kompreneble, multaj strebas disigi tiujn du aferojn, kaj la engaĝiteco por senpartia informado ĝuste postulas tiun strebadon, sed tiu strebado ofte estas nura memtrompo, kaj oni neniam povas igi la „alian flankon" agnoski ĝin. Neniu povas allasi ke lia kontraŭulo estas politike senpartia ĵurnalisto, ĉar se li farus, li denuncus sin mem, akceptante ke, objektive, li mem estas malamiko de la gazetara libereco. Racie ni ne povas atendi tion de iu ajn, precipe ne de malamikoj de la gazetara libereco. Kaj, do, se temas pri per-traktada finado de la milito pri amaskomunikiloj, ne tio gravas kiu konsideras sin neengaĝita, sed tio kiu estas konsiderata tia de ĉiuj. Nu, al tio ni jam respondis: neniu!

[. . .]

En la lastaj jaroj venis la tempo kaj ebleco de du aferoj, kiuj ordinare ekskludas unu la alian. Ni vivas reĝim-determinajn tempojn, en kiuj intelektaj kreantoj ĝenerale kaj publikaj komunikistoj specife havas fortan emon al publika opini-esprimado. Sed samtempe aktualiĝas la elformiĝo de profesieca neŭtraleco ĉe la amaskomunikiloj, de informada praktiko en kiu la rilato de la komunikisto al la informoj de li perataj restas nekonata - en la sama natura maniero kiel oni ne scias kiujn fruktojn de si vendatajn legomvendisto adoras aŭ abomenas, kiam li ne estas publika legomvendisto, sed sinnutranta privatulo.

### Malfeliĉo

Nu, ekzistas aro da homoj, ĝu-

* Kiam la aŭtoro skribis la artikolon, dato de la elektoj en Hungario estis necerta.

ste la aro batalanta ĉe la ĉeffronto de la milito pri amaskomunikiloj, kiuj havas intereson pri ambaŭ aferoj - ekskludantaj unu la alian -, kiuj estus malfeliĉaj se ili ne povus havi parton el ambaŭ, kaj tiun malfeliĉon kunsentus ankaŭ la publiko (notu bone: kunsentus ankaŭ la verkinto de ĉi linioj).

[Post tiu ĝenerala enkonduko, Révész argumentas ke, pro la neeblo de objektiva neengaĝiteco de informistoj en la nuna politika konjunkturo, anstataŭ alstrebi la nerealigeblan staton de ĝenerala senpartieco ĉe la amaskomunikiloj, pli avantaĝe estus fini la „militon" pri ili per traktado, marĉandado, per interkonsenta distribuo de la inform-rimedoj al la diversaj politikaj tendencoj. Plue, li analizas la (mal)avantaĝojn de tia solvo, kaj konkludas jene:]

**Malfacile imagebla**

La granda problemo pri tiu ĉi solvo - krom ke oni ne povas ĝin ŝati, maksimume rezignacie akcepti - estas ke la hungara politikumantaro konsistas ne el du blokoj, kaj ne el dure daŭrivaj blokoj. La ekstrema dekstro, se ĝi ne ricevus taŭgajn poziciojn ĉe la dekstrema kanalo (kaj probable eĉ se ĝi ricevus), certe plu militus sian amaskomunikilan militon. Tio estas tre malagrabla, sed eltenebla. Ke la nuna parlamenta opozicio kuniĝu daŭre ĉe la sama kanalo, tio nuntempe estas sufiĉe malfacile imagebla. Malfacile imagebla, sed ne tiom malagrabla.

---

El la socia-beletra monatrevuo *Mozgó Világ* (Mondo en Movo), 1994/2, pp. 132 - 128. Origina titolo: „Tán induljunk oszlásnak... Mit tegyünk a médiával?" (Distrib(u)iĝo - Kion fari pri la amas-komunikiloj?) Tradukis *István Ertl*

**ILI GISAS
SIAN MANION
EN BETONON
KAJ SIAN
MALJUSTECON
EN LEĜOJN.**

**UNESKO**

# De nova mond-ordo al pli multa libereco

**Ĉu vi memoras la kverelojn en Unesko pri Nova Monda Informada kaj Komunikada Ordo? La tiama disputo pri tiu nova ordo fariĝis tiom akra, ke precipe pro ĝi eksiĝis Usono (1984) kaj Britio (1985). Intertempe la kultur-organizaĵo radikale ŝanĝis sian strategion: ĝi entombigis la novan ordon...**

En 1989 ankaŭ Unesko reagis al la ŝanĝoj en la mondo, estigitaj per la reformoj en Sovetio. Forĵetis socialisman kaj komunisman ideologiojn ja ne nur Sovetio, sed ankaŭ multaj aliaj landoj kaj en Eŭropo kaj en aliaj kontinentoj, precipe en la tria mondo. Estis nelaste tiuj evolulandoj, ideologie influitaj kaj finance dependaj de Sovetio, kiuj per siaj voĉoj en Unesko sukcesigis tiun novan ordon laŭ sovetiaj postuloj. Tiu nova ordo havis kiel principon, restrikti informan kaj ĵurnalisman liberecon por tiel forigi malekvilibrojn en internacia komunikado.

**Akceli demokration**

Federico Mayor, nova ĝenerala sekretario ekde 1987, klare subtenis la ideojn de libera ĵurnalismo kiel neforigeblajn homajn rajtojn, kiujn oni devas defendi sen limigo. Malekvilibrojn oni ne povas eviti, se oni restriktas liberan fluon de informojn, sed oni devas akceli komunikilojn en landoj, kie estas mankoj. „Mi kredas, ke ne ekzistas por Unesko pli bona rimedo por akceli demokration ol akceli liberan kaj sendependan ĵurnalismon ĉie en la mondo," li diris en januaro 1991.

**Mortigu unu homon,
kaj vi estas
MURDISTO.
Mortigu milojn,
kaj vi estas
HEROO.
Mortigu milionojn,
kaj vi estas
ŜTATISTO.**

Mayor sukcesis: la 25a ĝenerala asembleo de Unesko 1989 ekzilis la „novan ordon" en la arkivon kaj decidis, ke la organizaĵo estonte subtenas evoluigon de libera, sendependa kaj plurisma komunikado en la tuta mondo. La nova strategio necesigis novajn strukturojn. Oni ja ne samtempe rezignis pri realigo de l' Unesko-programo 3 sub la titolo *La Komunikado en la Servo de l' Homo.* Sed oni kunigis la diversajn sekciojn, kiuj okupiĝis pri tiu programo, en unu sekcion, kies estro fariĝis en 1990 eksa vicprezidanto de sovetia radiofonio, Henrikas Juŝkiavitshus.

Nun Unesko - kontraste al antaŭa strategio - intime kunlaboras ne nur kun UN sed ankaŭ kun internaciaj asocioj de profesiuloj, do eldonistoj, ĵurnalistoj, institutoj ktp. Krome nun ne plu nur registaroj povas peti subtenon de projektoj, sed ankaŭ privataj organizaĵoj.

Tamen, atingoj estas malmultaj, ĉar la sumo disponebla por programo 3 estas modesta. Kaj laste Juŝkiavitshus plendis pri promesoj de riĉa lando: „Unu jaro pasis, neniu pagis!" Ekzemple el 400 orienteŭropaj ĵurnalistoj, kiuj interesiĝis pri trejnprogramoj, nur 40 ĝis nun povis partopreni tiajn seminariojn. ■

EVOLULANDOJ

## Fakĵurnalistoj kritikas informadon unuflankan

**Pri falsa raportado en germanaj kaj eŭropaj amas-komunikiloj plendis germanaj fak-ĵurnalistoj, kiuj specialiĝis pri la tria mondo.**

La ĵurnalistoj kunlaboras en iniciato kadre de Fondaĵo Heinrich Böll [Hajnriĥ Bel], nomita laŭ la mortinta fama verkisto kaj Nobel-premiito, kiu ofte kritikis fian ĵurnalismon. Reprezentanto de la laborgrupo, kiu uzas la belan novgermanan nomon *Mediawatch* (angla vorto por „gvato de komunikiloj"), Heinz Kotte [Hajnc Kote], kritikis ke informado pri evoluoj en la tria mondo estas tro unuflanka. Konscie aŭ nevole falsaj prezentoj ne servas al interkompreniĝo de l' popoloj, plendis Kotte.
Li precipe kritikis, ke raportado pri Afriko ne kongruas kun la faktaj evoluoj en tiu kontinento. Oni enfokusigas nur negativajn eventojn kiel militojn kaj katastrofojn; pri pozitivaj strečoj de la homoj oni apenaŭ trovas raportojn. Pri la vera situacio de la homoj, pri iliaj bataloj kaj vastaj movadoj por plifortigi homajn rajtojn kaj akceli demokration eksterlandaj ĵurnalistoj ne informas. Ofte pro nescio oni ekzemple priskribas afrikajn landojn tiaj ke ili ne povas helpi sin mem. Tiu ĉi observado validas laŭ Kotte ankaŭ por aliaj evolulandoj. La raportado de korespondantoj tiom ridigiĝis, ke ili prezentas eventojn preskaŭ ekskluzive laŭ germana aŭ eŭropa vidpunkto. Tiel estiĝas nekompleta aŭ eĉ falsa bildo pri evolulandoj. Tio utilas laŭ Kotte unuagrade al la interesoj de ekonomio eŭropa. Li rekomendis al germanaj korespondantoj akiri pli grandan fak-scion pri la veraj cirkonstancoj en la landoj per kunlaboro kun indiĝenaj kolegoj.

***

*Jen rimarkinda elpaŝo de germanaj ĵurnalistoj. Nu, por esperantistaj kolegoj la supre skizitaj observoj kaj kritikoj ne estas novaj, kiuj laŭ nia spertoj krome validas eĉ pli vaste: ne nur por evolulandoj sed ĝenerale pri raportado de eksterlandaj korespondantoj. Tial ja ekzemple internacia magazino* MONATO *havas feran principon, laŭ kiu el la diversaj landoj raportas nur tie loĝantaj (plejparte do indiĝenaj) aŭtoroj. Tamen ni ĝoju, ke nun ankaŭ neesperantistaj kolegoj ekkonas la mankojn de l' internacia komunikada sistemo.* sm

POLITIKO

## Protekti ĵurnalistojn

**Eŭropa Parlamento (EP) en Strasburgo, la deputitaro de Eŭropa Unio (EU), postulas pli bone protekti ĵurnalistojn kontraŭ danĝeroj.**

Konstatinte, ke ĵurnalistoj grandnombre estas murdataj kaj arestataj, la parlamentanoj atentigis, ke ĵurnalistoj kaj sekve libereco de informado estas esence necesaj por garantii homajn rajtojn, ĝuste kaj precipe en krizaj regionoj kaj landoj kun subpremaj reĝimoj. Sole jam minaco de perforto aŭ de administraj rimedoj kontraŭ ĵurnalistoj tial fakte estas nenio alia ol cenzuro. EP kun zorgo konstatas do, ke nek la valida internacia homa rajto nek la koncernaj internaciaj konvencioj sufiĉas por protekti la profesion de ĵurnalistoj.
Konsekvence la EP postulas de eŭropaj registaroj kaj de la Komisiono de Eŭropa Komunumo (EK) insisti pri garantiado de homaj rajtoj kaj ĵurnalista libereco. Tiucele oni devas ellabori politikajn instrumentojn, kiuj ekzemple povas esti:

- klaŭzoj en ekonomiaj kontraktoj por proteki ĵurnalistojn en koncernaj landoj;
- subteno fare de EU por radio- kaj televid-stacioj en regionoj, en kiuj sendependa informado ne estas garantiata;
- „punregistro", en kiu oni listigas ŝtatajn atencojn kontraŭ ĵurnalistoj, por plialtigi psikologian premon al registaroj de tiuj landoj;
- kiam ĵurnalisto estas murdita, oni devas amplekse esplori la aferon kaj treni antaŭ tribunalon respondeculojn, indiferente ĉu ili estas anoj de teroristaj grupoj aŭ de ŝtataj instancoj.

Krome EP rekomendas speciale instrui kaj trejni ĵurnalistojn agontajn en krizaj kaj militaj regionoj. La parlamento ankaŭ postulas prikonsideri financan subtenon de internaciaj ĵurnalistaj asocioj, por ke tiuj kapablu enkonduki rimedojn por protekti siajn membrojn en okazo de danĝeraj komisioj. ■

FINNLANDO

## Dum longaj noktoj oni legas multe

***Erkki Röntynen*, aŭtoro de ĉi-sekva artikolo, pli ol 20 jarojn laboris kiel redaktoro kaj prelegis pri gazetaro en sindikata altlernejo, krome estas membro de parlamenta komitato, kiu pritraktas i. a. defendon de parol-libereco kaj multflankeco de gazetaro en Finnlando.**

Finnoj legas tre multajn gazetojn. Laŭ statistiko nur norvegoj kaj japanoj legas iomete pli multe. Ĝenerale oni povas konstati, ke homoj en Nordio (Skandinavio) legas multajn gazetojn.
Mono decidas, ankaŭ kiam te-

mas pri gazetoj. Homoj en Finnlando povas aĉeti kaj aboni plurajn gazetojn kaj revuojn. Nature ankaŭ socia tradicio formas situacion de legado kaj de gazetaro. En kelkaj landoj homoj aĉetas gazetojn sur strato, sed en Finnlando ĝenerale oni abonas gazetojn hejme. Nur du posttagmezaj finnaj gazetoj ne estas aboneblaj.

Kial diferencoj en legado de gazetoj estas grandaj inter la industriaj landoj? Kial homoj en Usono, Francio, Israelo, Belgio kaj Grekio legas malpli multe ol ekzemple en Svisio? Certe ni trovas plurajn kialojn: popoloj havas proprajn tradiciojn, religiojn, kulturojn, socian kaj socialan sistemon; eble televido ankaŭ influas ktp. Esploristoj antaŭe diris, ke kiam homoj povas vidi plurajn televidajn kanalojn, oni legas pli malmulte. Nun ni scias, ke tio ne tuŝas legadon de gazetaro, sed bedaŭrinde de literaturo en Finnlando.

Eble unu grava kialo, ke homoj en Skandinavio legas multe, estas la situo sur la terglobo: mallongaj tagoj vintre dum multaj monatoj. Finnoj havas karakteron turni sin internen; ili estas plu arbaraj homoj, kiuj antaŭe vivis preskaŭ izolitaj for de aliaj popoloj kaj kulturoj. La lando estis plurfoje okupita; unue subigis ĝin Svedio, poste Ruslando. La finna lingvo estas „stranga" en Eŭropo kaj la memsento de finnoj ne estas bona. Se oni mezuras historie, ŝtata memstareco de Finnlando estas juna. Eble la supre menciitaj cirkonstancoj plu fluas al la animo de finnoj kaj kreas deziron interalie legi multe gazetojn.

**Koncentriĝo**

La finna gazetaro ankoraŭ prosperas tre bone, tamen nun okazas ŝanĝoj, kiuj faligos gazetojn. Eventuale la plej grandaj gazetoj daŭre prosperos, sed duavicaj gazetoj malvivos. Ĝenerale ni povas atendi, ke en estonteco posedo de finnaj gazetoj koncentriĝos kaj oni havos pli malmultajn. Precipa kialo de koncentriĝo estas anonc-enspezoj. Konkurenco inter la amas-komunikiloj fariĝis kruela. Novaj komunikiloj kiel lokaj radio- kaj televid-stacioj volas ankaŭ havigi anonc-enspezojn.

**252 gazetoj**

En 1990 oni publikigis 252 gazetojn en Finnlando, kiuj kune aperis en pli ol 4 milionoj da ekzempleroj (preskaŭ unu gazeto por ĉiu finno). 27 gazetoj aperas ĉiutage, 5 pli ol antaŭ dek jaroj. Plej multaj gazetoj, precipe lokaj, aperas 1 - 3 fojojn dum semajno.

Ordinare politike sendependaj aŭ neengaĝitaj kaj lokaj gazetoj prosperas (ĉ. 75 %). Grandaj entreprenoj nun pli kaj pli ofte aĉetas lokajn publikigaĵojn - aŭ pli ĝuste, aĉetas presejon, kiu publikigas gazetojn. Do la proprieto koncentriĝas pli kaj pli, ĝenerala fenomeno en okcidentaj landoj. Nun la 3 plej grandaj finnaj gazet-kompanioj *Sanoma Oy*, *Aamulehti-yhtymä* kaj *Turun Sanomat-yhtymä* havas 42 % el distribuataj gazetoj, kiuj aperas 3 - 7 fojojn dum semajno. Krome grandaj lokaj gazetoj havas grandan eldonkvanton, kiel *Keskisuomalainen* en Jyväskylä, *Kaleva* en Oulu, *Savon Sanomat* en Kuopio, *Aamulehti* en Tampere, *Turun Sanomat* en Turku.

**Ŝtataj subvencioj**

La ŝtato suvencias la gazetaron per malalta poŝtkosto. Duavicaj gazetoj krome ricevas subvencion por transportado. Politikaj partioj ricevas monon laŭ sia proporcia forto en parlamento kaj rajtas doni subtenon al siaj propraj gazetoj. Krome ekzistas pluraj malgrandaj subvencioj. Entute la subvencioj sumiĝis je 475.5 milionoj da markoj en 1991. Ĉar la ŝtata kaso nun estas pli malplena ol antaŭe, la registaro malpliigis ankaŭ subtenon de gazetaro, kio estas grava minaco precipe por duavicaj gazetoj - multaj jam bankrotas.

**1100 revuoj**

Revuoj kun minimume 4 numeroj jare estas proksimume 1100 en Finnlando. Plej granda estas *Valitut Palat = Readers Digest* kun 342 000 ekzempleroj - voĉo de Usono, kiu aperas monate. El semajn-revuoj plej

## PAPER-REUZO

**El nova papero oni reciklas tiom da procentoj por mediprotekta papero en**

| | |
|---|---|
| 51 % | Hispanio |
| 50 | Nederlando |
| 49 | Svisio |
| 46 | Francio |
| 43 | Svedio |
| 41 | Finnlando |
| 40 | Germanio |
| 39 | Portugalio |
| 35 | Danlando |
| 31 | Britio |
| 30 | Grekio |
| 29 | Usono |
| 3 | Irlando |

grandaj estas *Seura* (282 000) kaj *Apu* (269 000). El specialaj revuoj plej granda estas *Kotivinkki* (hejmludo) kun 202 000 ekzempleroj. Disvastiĝo de ĝeneralaj revuoj malkreskis ekde 1983, specialaj periodaĵoj tamen prosperas plej bone. *Aku Ankka* (Donald Duck de Walt Disney) estas klare la plej granda el bildstriaj revuoj (311 000 ekzempleroj).
Sed plej grandan disvastiĝon havas senpagaj klient-revuoj. Komerca grupo publikigas revuon *Pirkka*, kies eldonkvanto estas kapturna en finnaj cirkonstancoj: 1659 000 ekzempleroj. Tre granda estas ankaŭ *Sähköviesti* (elektro-avizo) kun eldonkvanto de 1509 000 ekzempleroj.
Plej granda eldonejo en Finnlando estas *Sanoma Oy*, kiu publikigas gazeton *Helsingin Sanomat* (500 000 ekzempleroj), *Ilta-Sanomat* (200 000) kaj bildstrian revuon *Aku Ankka*. La eldonejo posedas ankaŭ elektronikan amas-informilon, eĉ eksterlande, kaj estas la plej granda gazetara entrepreno en tuta Skandinavio. ■

**ELDONADO**

# Monumenta verko: Manlibro pri Politiko

**Probable ankoraŭ ĉi-somere aperos monumenta verko: *Manlibro pri Politiko*. Ĝi estas grava por ĵurnalistoj pro du kialoj: iniciatis kaj ellaboris ĝin grandparte ĵurnalistoj; ĝi utilos precipe ankaŭ al ĵurnalistoj.**

La kompleta titolo de la verko estas „Deklingva Manlibro pri Politiko", ĉar la proksimume 1150 kapvortoj aperas en Esperanto kaj jenaj 9 lingvoj: angla, ĉina, franca, germana, hispana, japana, nederlanda, portugala kaj rusa. La tekstoj estas verkitaj originale en Esperanto.
Bezono pri „Manlibro pri Politiko" (MpP) sentiĝis en (tiam juna) redakcio de *Monato*, la magazino kiu unuafoje okupiĝis konstante kaj amplekse pri temoj politikaj, ekonomiaj, sociologiaj, ekologiaj ktp. La aŭtoroj de *Monato* ne malofte havis problemojn, trovi tiukampe trafajn terminojn por aktualaj politikaj aferoj, ĉar antaŭe tiuj temoj estis traktitaj en la lingvo internacia nur sporade aŭ tute ne.

**Frukto de ok-jara laboro**

Tuj troviĝis manpleno da kunlaboremuloj, kaj en la daŭro de tiu ĉi ok-jara laboro estis ne malpli ol 22 personoj el 14 landoj, kiuj kontribuis al MpP. El ili 13 estas aŭ estis profesiaj aŭ amatoraj ĵurnalistoj, preskaŭ ĉiuj nun membroj de TEĴA. Jen do garantio ne nur de internacia nivelo de MpP, sed ankaŭ de respondo al bezonoj de ĵurnalistoj. Redaktoro kaj editoro estis Stefan Maul.

**Historia kaj aktuala**

Kion vi trovos sur la 230 paĝoj de MpP? Koncizaj klarigoj prezentas historian kaj aktualan signifon, kun gravaj derivaĵoj de l' kapvortoj. Ekzemploj pri uzado de kapvortoj kaj derivaĵoj helpas apliki la terminojn ĝuste kaj trafe en internacia stilo. Indikoj kaj klarigoj pri multaj gravaj internaciaj organizaĵoj kaj institucioj por la unua fojo aperas kolektitaj en Esperanto-libro. Klara strukturo de l' tekstoj, sen ampleksa leksika aparato, sed kun multaj referencoj ebligas praktikan uzadon. Jen do libro nepre utila ne nur por verkantoj kaj redaktoroj, sed ankaŭ por studentoj kaj ĉiuj homoj, kiujn interesas politiko.

Eldonas ĝin Flandra Esperanto-Ligo; prezo ankoraŭ ne estas konata. Atentu koncernajn anoncojn kaj informojn en *Monato* kaj aliaj gazetoj. sm

**TELEVIDO**

# En Piktogramio

**Ĉu iam vi havis okazon spekti la televid-kanalon *Euronews* (Eŭropaj novaĵoj)? En mia hejmloko mi ne povas fari tion - kaj mi ne bedaŭras.**

Okaze de vizito al parencoj en okcidenta parto de Germanio mi plurfoje povis gustumi tiun ĉi eŭropan inform-programon en germana lingvo. *Euronews* elsendas krome en angla, franca, hispana kaj itala, do entute 5 lingvoj. Imagu, kiom devas kosti traduki ĉion en ĉiujn program-lingvojn!
Do mi estis aparte interesita, kiel oni aplikas la lingvojn - kaj troviĝis meze en Piktogramio... Kio, ĉu vi ne konas tiun ĉi landon? Nu, estas tiu eŭropa televida komunumo, en kiu oni preskaŭ ne parolas sed nur montras ĉiuspecajn bildojn, fotojn, desegnaĵojn kaj abunde - **piktogramojn**. Evidente la lertaj kreintoj de *Euronews* trovis tre racian solvon de la lingva problemo.

**Buntaj mapoj kaj muziko**

Ekzemple prognozo de l' vetero: anonima voĉo nur anoncas la temon kaj vi vidas mapon de Eŭropo, tre buntan kun multaj buntaj piktogramoj. Jen flirtas nuboj, tie falas pluveroj, aliloke fulmas suno ktp. Termometroj sur fotoj de ĉefurboj eŭropaj indikas temperaturojn pasintajn kaj estontajn. Por distri vin oni ludas delikatan muzikon.
Ekzemple trafik-prognozo: anonima voĉo anoncas la temon. Poste vi restas sola kun mapo de Eŭropo, tre bunta kun multaj buntaj piktogramoj. Kun amuzo vi rajtas observi trafikŝildojn, sur kiuj ŝovelas laboristo, kunŝoviĝas aŭtoj (ha, tie minacas ŝtopiĝo!), aŭtostradoj estas trastrekataj - tamen vi ofte ne povas ekkoni la preci-

zan lokon, ĉar ĉio okazas rapide. Sed delikata muziko distras vin sur la vojaĝo tra Piktogramio (neniu diras ion ajn).
Ekzemple borso-tabelo: vi bone povas lerni la kolorojn de l' diversaj naciaj flagoj kaj la signojn de monunuoj. Ĉion vi rajtas mem legi, delikata muziko helpas vin.
Ekzemple kultur-kalendaro (nomata Agenda): vi konatiĝas kun multaj reklam-afiŝoj de galerioj, koncertoj kaj teatraĵoj en diversaj grandaj eŭropaj urboj. Sube aperas skribo kun loko kaj dato. Delikata muziko, kompreneble; neniu parolas.

**Sen parolistoj**

Nu, kompreneble, en ĉiuj ĉi informoj gravan rolon ludas ciferoj, do oni bone povas kombini ilin kun piktogramoj. Parola informado en 5 lingvoj do estas evitebla.
Sed kio pri noticoj kaj informĵurnaloj? Ĉiun kvaronan horon ili aperas, jen tre koncize, jen iom pli longdaŭre. Klare, ke nun iu ja devas ankaŭ diri ion. Efektive, vi vidas ne nur filmetojn sed aŭdas ankaŭ anoniman voĉon, kiu komentas la filmetojn. Parolantajn rolulojn vi aŭdas fonsone en la originala lingvo; kutime oni ne laŭvorte tradukas, sed nur resume informas pri la enhavo aŭ evento.

**Eŭropo? Ne en Piktogramio.**

Mi rimarkis la klopodon, havi el ĉiuj 5 landoj iun filmeton, kaj ŝajnas ke ne graveco de informo havas prioritaton sed la principo de kvinlandeco. Naive mi atendis apartan emfazon de tuteŭropaj temoj, ĉar la nomo *Euronews* ja supozigas apartan atenton pri Eŭropa Unio (EU). Sed la noticoj okupiĝas preskaŭ ne pri EU-instancoj aŭ la Eŭropa Parlamento; fakte en ĉiu ordinara germana televid-ĵurnalo mi ekscias pli multe pri EU.
La kompleta rezigno pri parolistoj estas nekutima, sed ja racia solvo de la lingvoproblemo: Se aperus parolistoj, oni konstante bezonus 5 personojn sur la ekrano, kio kaŭzus gigantan koston. Same, la rezigno pri detalaj inform-programoj ŝparigas - sed ĉu tio estas la senco de eŭropa inform-televido, se eĉ mia loka radiostacio informas min pli komplete pri mia lando, Eŭropo kaj la mondo? La valoro de informoj pri vetero, trafiko kaj kultur-aranĝoj estas tre dubinda; ekzemple mi praktike ne povas konstati, kie laŭ la piktogramo pluvos - ĉu en Pollando aŭ Siberio (la mapo sur la eta ekrano ne povas esti pli detala).

**Surekrana bunta revueto**

Entute ĉio disvolviĝas tro rapide antaŭ okuloj de l' spektanto, kiu ja daŭre devas legi kaj rigardi; oni reduktis la totalajn aŭd-vidajn eblecojn de televido al piktograma bunta revueto sur ekrano (kun muziko, tamen!).
Kiel ajn, mi komplete elreviĝis post tiu ĉi kelkfoja mallonga spektado. Eble aliaj kolegoj havas pli multajn kaj longdaŭrajn spertojn kaj aliajn impresojn pri Piktogramio.
Stefan MAUL

**ETIKO**

# Fiasko de ĵurnalistoj

**Ke en milito ankaŭ ĵurnalistoj de malamikaj partioj ne informas objektive sed propagande, tio ne mirigas. Sed ke en raportoj pri eksa Jugoslavio mensogas ankaŭ onidire objektivaj okcidentaj ĵurnalistoj, jen nova dimensio.**

Renoma ĵurnalisto *Martin Lettmayer* reserĉadis pri asertoj en okcidentaj amas-komunikiloj, ke en Bosnio serbaj soldatoj sisteme seksperfortis virinojn - eĉ en apartaj koncentrejoj - kaj devige steriligis virinojn. En iuj raportoj oni skribis konkretajn nomojn de tiaj koncentrejoj.
La rezultoj de longdaŭra reserĉado estis, ke Lettmayer trovis eĉ ne unu konfirmon por tiaj asertoj; evidente neniu tia koncentrejo ekzistis, kiel li detale priskribis en renoma svisa gazeto *Weltwoche* (Mondsemajno, 10a de marto 1994). Unu el tiuj onidiraj koncentrejoj estis ekzemple ordinara rifuĝejo, en kiu vivis dum kelka tempo homoj el ĉiuj etnoj - neniaj perfortoj okazis tie. (Certe okazis multnombraj seksperfortoj en Bosnio, sed en tiu ĉi okazo temas pri tiucelaj *koncentrejoj* instalitaj de serbaj trupoj.)
Lettmayer resumas: Ĵurnalistoj simple skribis, kion ili aŭdis, sen iel ajn kontroli kaj reserĉi; ili transportis mensogojn. Kaj aliaj ĵurnalistoj same malserioze simple transprenis tiajn raportojn. Unu ĵurnalistino, kiu agadis tiel, pro ŝiaj sensaciaj raportoj eĉ estis elektita „virino de l' jaro" en Germanio...
Lettmayer finas: „La ĵurnalismo fiaskis sur Balkano, ne nur ĉe la temo seksperforto." ◆

**ĈINIO**

# Okulo, orelo kaj voĉo de l' partio

Komunista Partio de Ĉinio admonis la ĵurnalistojn de l' popola respubliko, subteni la celojn de la partio kaj elstarigi pozitivajn aspektojn de l' socia vivo. Parti-gazeto *Renmin Ribao* aperigis deontologian kodon, kiu kondamnas ankaŭ koruptecon de amaskomunikiloj. Malpermesite estas laŭ la direktivoj, enkasigi monon por aperigo de raportoj pri industri-entreprenoj. La kodo instigas ĵurnaliston esti „okulo, orelo kaj voĉo de l' partio", engaĝiĝi en raportado por patriotismo, sociala stabileco, politiko de l' registaro kaj informi

konstrue kaj pozitive. Temoj kiaj pornografio, murdo, perforto, orgojlo kaj ignoranteco ne trovu lokon en amas-komunikiloj. ◆

**RADIO**

# Varsovio jubileas per satelito

**Agrabla koincido: Esperanto-redakcio de Pola Radio festis sian 35jariĝon kaj preskaŭ samtempe oni povis ekaŭdi la elsendojn per satelito.**

Ne nur multaj E-gazetoj informis pri la jubileo, sed ankaŭ en Pollando oni atentis ĝin, ekzemple per konciza filmraporto en kinejoj, en Pola Televido kaj per artikolo en radiotelevida revuo *Antena*, en diversaj gazetoj kaj radioprogramoj oni informis, parte per intervjuoj.

En la jubilea *Esperanto-Ekspreso* aŭdeblis i. a. UEA-prezidanto John Wells, UEA-vicprezidanto Ulrich Lins kaj aliaj konataj esperantistoj kiel Humphrey Tonkin, Claude Piron kaj Renato Corsetti.

La 28an de marto 1994 al la kutimaj frekvencoj aldoniĝis elsendo per satelito Eutelsat II F 3, 16 gradoj de la orienta longitudo, frekvenco 11,080 gigahercoj, polarizado horizontala, aŭdofrekvenco 8,28 megahercoj. En centra Eŭropo oni povas uzi parabol-antenon kun diametro de 60 cm, en aliaj regionoj oni bezonas pli grandan parabolan antenon. Sendube posedantoj de tiaj antenoj ĝojas pri la multe pli klara aŭdeblo.

***

Marcelo Luiz Brasil (Rua Prof. João Doetzer, 33, BR-81540-190 Curitiba - PR, Brazilo) serĉas aŭtorojn kaj tekstojn por eldoni radiorevuon *La Voĉo de Esperanto*. Planataj estas artikoloj ne nur pri programoj, sed ankaŭ pri teknikaj temoj, pri aparatoj ktp. ◆

**GERMANIO**

# Spegulo perdis

**En IĴ 3/93 ni informis pri nova germana inform-magazino *Focus*, kiu konkurencas al fama *Der Spiegel*. Kiel intertempe evoluis la konkurenco?**

Efektive *Fokuso* ne nur firme instaliĝis sur la merkato, sed multe progresis. Precipe interese estas, ke ĝi altiras tre multajn reklamantojn - eĉ tiom, ke la magazino devis devii de sia principo de mallongaj tekstoj. Necesas plenigi la paĝojn inter reklamoj, kaj tion oni ne povas fari nur per koncizaj artikoletoj. Sed ankaŭ pro ekkono, ke ne ĉion oni vere povas prezenti per nur kelkaj linioj, kreskis amplekso de artikoloj.

Kaj *Spegulo*? Ĝi perdis iom da abonantoj kaj konsiderinde multajn reklamantojn, por kiuj la legantoj de *Fokuso* (mezaĝaj riĉuloj) estas pli interesaj adresatoj ol legantaro de *Spegulo*. La tradicia magazino komencis enkonduki, laŭ la ekzemplo de *Fokuso*, pli multajn kolorajn elementojn grafikajn kaj aperigas nun ankaŭ kolorajn fotojn. Krome tekstoj fariĝis malpli longaj, parte. Ĉu do okazas alproksimiĝo inter ambaŭ magazinoj?

**Du tendencoj**

En eldonejo kaj redakcio de *Spegulo*, laŭ informitaj gekolegoj, nun batalas du tendencoj inter si, reage al la sukceso de *Fokuso*: unu partio insistas pri ŝanĝoj en direkto al la maniero de l' konkurenca revuo. Sekve ni observas pli kaj pli ofte, ke la ĉefartikolo ne plu estas vere grava, sed akcesora temo, foje eĉ banala - sed ja amuza.

La alia partio volas komplete reiri al la fontoj de *Spegulo*, la komenca karaktero de mordema, kritikega kaj precipe politika magazino de senindulga rivel-ĵurnalismo.

La bataloj daŭras kaj eble eĉ akriĝos. Ĉar en aliaj eldonejoj, post la sukceso de *Fokuso*, oni planas eldoni similajn magazinojn. sm

**ITALIO**

# Ĉu survoje al televidokratio?

**Politikistoj jam ofte instrumentigis (aŭ provis fari tion) televidon por siaj celoj, precipe dum elektokampanjoj. Sed nun en Italio aperis nova fenomeno tiukampa: proprietulo de tri televid-kanaloj ekspluatis tiun ĉi fakton por fariĝi registo.**

Silvio Berlusconi [Berluskoni] estas sukcesega entreprenisto,

posedanta ĉenojn de magazenoj, asekurojn kaj - precipe - ĉirkaŭ 50 gazetojn kaj revuojn kaj la menciitajn privatajn televid-kanalojn. Potenca industriisto kaj komunikil-barono do, kiu konstante aperis (simpatie) en siaj gazetoj kaj televid-programoj kaj estis konata al vasta publiko. Liaj tri tv-kanaloj kovras ĉirkaŭ la duonon de l' itala televid-merkato.

**Profesi-nivela elektokampanjo**

Antaŭ unu jaro Berlusconi decidis fariĝi ankaŭ politikisto. En aliaj landoj, en tia okazo, li devus rezigni pri estrado de amas-komunikiloj. Li, male, plene ekspluatis la situacion kaj profesi-nivele laŭ ĉiaj metodoj de tv-spektakloj ensceniĝis sian elekto-kampanjon. Kiel ni scias, kun grandioza sukceso: lia movado Forza Italia (Antaŭen Italio) en la elektoj venkis kiel plej forta kaj li povis formi registaron helpe de du dekstraj partioj, Ligo Norda kaj novfaŝisma partio.
Tion li atingis sendube ne nur danke al siaj propraj gazetoj kaj tv-kanaloj, sed ankaŭ al la eksterordinara situacio en itala politiko, kiun de jaroj skuis korupteco, skandaloj ĉiuspecaj kaj interplektiĝo de politikistoj renomaj kun fifama mafio. Tradiciaj partioj falis kaj disfalis ĝis nula signifo, renversiĝis komplete la parti-strukturo de la lando. En tia situacio lerta homo, kiu krome povas konvinke prezenti sin antaŭ publiko, certe havas grandan ŝancon atingi sian celon per promesoj de renoviga movado.

**Mallegemaj italoj**

Aldoniĝas specifaĵo de Italio, lando en kiu tradicie homoj ne legas multajn gazetojn: laŭ statistiko el 1991 en Italio el mil homoj nur 110 aĉetas ĵurnalojn, kio signifas ke tiu ĉi lando okupas la lastan rangon en Eŭropo. (Por komparo: Svislando 416, Germanio 346, Francio 170 el mil loĝantoj.) Italoj informiĝas precipe per televido.
Kiel ajn, Berlusconi sen iu ajn dubo dankas sian sukceson grandparte al sia propra televidoregno. Ne mirige, ke - apenaŭ fariĝinta ĉefministro - li kritikis la ŝtatan televid-asocion RAI, postulante ke ĝi fariĝu pli afabla kaj malpli kritikema al la nova registaro. Tiu ĉi certe ne tre demokrata arogo tuj provokis protestojn en- kaj eksterlande. Germana televidestro (de duonŝtata kompanio) avertis, ke tia postulo memorigas pri totalismaj ŝtatoj kaj ke en demokratio ankaŭ ŝtata televido devas esti objektiva kaj rajtas kritiki registaron laŭ principoj de ĵurnalisma libereco.
En komunikad-scienco de longa tempo oni diskutas la demandon, kiomgrade televido - ja la plej fascina el ĉiuj amaskomunikiloj - vere influas homojn kaj publikan opinion. La kazo Berlusconi aldonas novan faceton, kiun certe valorus esplori detale. Eble iuj landoj efektive jam estas survoje al televidokratio...
Stefan MAUL

GERMANIO

## Kompendio nove eldonita

La konata kompendio pri Esperanto por jurnalistoj aperis en aktualigita germanlingva versio, nun eldonita de TEĴA. Tio necesis i. a. ankaŭ pro la ŝanĝitaj poŝtkodoj. La kompleta teksto estas nun en komputilo, tiel ke rapide oni povas ŝanĝi kaj aktualigi ekzemple adresojn. La kompleta titolo en germana lingvo:
Die internationale Sprache Esperanto - Daten und Fakten - Handreichung für Journalisten.
Vi povas ricevi ekzempleron, pagante la material- kaj sendkostojn de 4.50 DEM (simple sendu poŝtmarkojn) ĉe la prezidanto de TEĴA. Se vi bezonas plurajn ekzemplerojn, vi mem povas fotokopii la kompendion. ■

TEĴA

## Pri normoj kaj kodoj

La *Jarlibreton de TEĴA* mi taksas ne nur grava sed ankaŭ utila. Kiel ĉiu homa kreaĵo ankaŭ ĝi ne estas perfekta, sed tio ne malgrandigas ĝian valoron. Mi permesas sendi kelkajn personajn opiniojn, eĉ riskante ŝajni tro pedanta.

1. Kiel profesia organizo (almenaŭ tia ni volas nian organizon), TEĴA devus postuli de siaj membroj kaj kunlaborantoj obeon al internaciaj reguloj. Kaj unu inter ili estas pri la **aŭtosigno/poŝtkodo**. Laŭ la dokumento ISO 3166, oni asignis al ĉiu lando kaj teritorio duliteran kodon, kaj al ĉiu monunuo triliteran kodon. Povas esti ke multaj TEĴA-anoj (precipe neunuamondanoj) eĉ ne scias pri tiu dokumento. Tio tamen ne pravigas la uzon de arbitre elektitaj kodoj (precipe en la novaj landoj). Se la koncernaj kunlaborantoj ne scias, almenaŭ la estraranoj de TEĴA devus scii kaj konstante uzi tiujn kodojn.
Laŭ mia kompreno, TEĴA sekvas la decidojn de la Akademio de Esperanto, eĉ kiam temas pri **landnomoj**, kaj permesas al si ŝanĝi tiujn proprajn nomojn kiuj ne kongruas kun la decidoj/proponoj de la AdE. Kial TEĴA ne sekvas ankaŭ la decidojn de ISO, kiu - ni agnosku tion - estas (iom) pli grava ol la AdE?

2. En la sekcio pri **Esperanto-Gazetoj** la redaktado montriĝas esti nekonstanta: ĉe iuj periodaĵoj oni mencias la landon, ĉe aliaj ne. En estonta eldono (se tio okazos) preferinde unuformigu la priskribojn. Ŝajne tiuj,

kiuj provizis la informojn ne multe pensis pri la internacieco de la *Jarlibreto*, neglektante indikon, kiu por ili ne multe gravis - la propran landon.
Ionel ONET

# REVUO de revuoj

**ESPERO KATOLIKA**
fine sukcesis reaperi post la problemoj, pri kiuj informis IĴ 4/93. Raporto de l' redakcio pri la incidentoj, kiuj kaŭzis interrompon de aperado, legiĝas preskaŭ amuze, se ne estus tragedio: Tiom da problemoj koincidis, kiom ne eblus inventi...

**NORVEGA ESPERANTISTO**
Numero 2/1994 aperas en nova vesto kaj nun kun taŭgaj E-literoj, post instalo de nova komputilo (la antaŭan oni ŝtelis, kiel konate).

**MOSKVA GAZETO**
ricevis fuŝvort-premion de la jaro de alia revuo, *Esperanto sub la Suda Kruco*. La antipodaj gekolegoj kritikis informon pri instituto de „bizneso kaj juro". La aŭstrala/novzelanda revuo ankaŭ flegas satiron; legindaj ekzemple estas en n-ro 3/94 raporto pri fondo de Antarktika Esperanto-Asocio kaj en 2/94 „Ŝercaj Analoj de 1993".

**EVENTOJ**
en n-ro 49 informis pri la rezultoj de enketo inter la legantoj. Laŭ tio tipa leganto estas inter 25 kaj 60 jarojn aĝa kaj aktiva movadano. Nur 5 % de la respondintoj estas membroj de TEĴA. La gazeto avertas, ke nur 20 % resendis enketilon, „ĝuste la plej aktiva tavolo". Cetere, la granda plimulto estas kontenta pri *Eventoj*.

**ESPERANTO**
organo de UEA
aperigas en la aprila numero de 1994 raporton pri la brajla *Esperanta Ligilo*, kiu festas sian 90an ekzistojaron.

**HEROLDO DE ESPERANTO**
en n-ro 1892 de 10a junio 1994 aperigas artikolon de Gian Carlo Fighiera, en kiu li informas pri siaj reserĉoj rilate la Unesko-rezolucion favore al Esperanto, laŭ raportoj en preskaŭ ĉiuj E-gazetoj akceptita en novembro 1993. Rezulto de la reserĉado: „Pro manko de informoj, ni staras antaŭ la hipotezo, ke ne ekzistas formala pritrakto kaj akcepto... Tio embarasigas nin, ĉar se ni anoncas la malon, ni riskas fali en malveron kaj kompromiti nin antaŭ Unesko kaj la publika opinio." - Ĉu do eble kazo de misinformado, pri kiu ankaŭ (kun)kulpas ĵurnalistoj?

**MONATO**
internacia magazino sendependa
en n-ro 6/94 raportas pri planoj, eldoni anglan version de ĵurnalo *Oslobodjenje* (Sarajevo). La aŭtoro *Jerald T. Veit* skribas: „Estas nur bedaŭrinde, ke simila ideo eldoni esperantan version de la gazeto ne venis en la kapon de la esperantistoj." - En n-ro 5/94 estis leginda artikolo de *Paŭlo Gubbins* pri brita gazetaro, al kiu minacas restriktoj fare de registara komisiito, kiu povu insisti pri eksigo de redaktoro, kiu aperigas fiajn fotojn kaj tekstojn.

**E-GAZETARO**

# Tipologio* de komposteraroj

En siaj komentoj pri lingvoeraroj en tekstoj publikigitaj en IĴ, (1-2/94, p. 16), Garvan Makaj' skribas, ke „eraroj fare de kompostistoj estas tuj rekoneblaj". En tiu ĉi artikolo pri tipologio de komposteraroj mi demonstros, ke li eraras. La sekvaj ekzemploj, pluraj el kiuj estas ĉerpitaj el miaj propraj publikigitaj verkoj, ilustros, ke ne ĉiuj komposteraroj apartenas al la sama kategorio. Kelkaj estas travideblaj, t. e. facile rekoneblaj kaj ĝustigeblaj de ordinaraj legantoj sen tro da cerbostreĉado. Male, ĉe la alia poluso troviĝas mispaŝoj de malatentaj kompostistoj, kiuj prezentas verajn enigmojn aŭ kiuj eĉ ne estas konstateblaj kiel eraroj. Tiuj ĉi estas troveblaj kaj deĉifreblaj nur per komparo kun la originala teksto verkita de la aŭtoro.

**Travideblaj komposteraroj**

Plej ofte temas pri intermiksado aŭ ellaso de literoj kaj silaboj. Karakterizas ilin ankaŭ manko aŭ trouzo de supersignoj kaj aldono de superfluaj literoj. La sekvaj ekzemploj makulas la paĝojn de IĴ 4/93.

a. „Plrufoje artikoloj venantaj..." (p. 14, kol. 3)
b. „.... kompstitaj tekstoj" (p. 14, kol. 2)
c. „La sociaj kondiĉoj donas feukndan grundon" (p. 12, kol. 2)
ĉ. „.... havas sian civitianecon" (p. 14, kol 2)
d. „Eminagiante la premion..." (p. 10, kol. 1)

Apartenas al la kategorio de travideblaj eraroj kelkaj sed ne ĉiuj datoj kaj nombroj. Ekzemple, en artikolo pri Pastro Dombrovski, kiun mi verkis por *Espero Katolika*, la dato 1891 estis erare kompostita kiel 1981! Tamen, la kunteksto klare temas pri la 19a jc., do leganto facile povas kompreni, ke okazis interŝanĝo de la pozicioj de 8 kaj 9.

**Modifoj, kiuj estas senchavaj sed eraraj**

En tiu ĉi grupo troviĝas vortoj

* tipologio - studo aŭ analizo aŭ klasifo bazita sur tipoj

kaj ciferoj, kiuj, post modifado de nezorga kompostisto, tamen aperas kiel ĝustaj formoj, do la frazo restas senchava. Legantoj neniel povas diveni, kion vere skribis la aŭtoro.

a. En artikolo pri la amiŝoj en Usono, publikigita en *Dia Regno*, mi karakterizis tiun religian komunumon kiel „moderan sekton", t. e. nek ekstremisman nek fanatikan. En la publikigita teksto enestas la esprimo „moderna sekto".
b. En IĴ 1-2/94 (p. 15, kol 3) oni povis legi la frazon „Redakcio de Orienteŭropa lando sendis al mi la mornan informon..." Efektive, mi skribis „Okcidenteŭropa lando".
c. Plej insidaj estas erare kompostitaj ciferoj. En mia artikolo pri la historio de Valencio en *Heroldo de Esperanto*, mi informis, ke la antikva ĉirkaŭfortikaĵo de la urbo havis perimetron de proks. 2600 metroj, sed la komposteja koboldo dekprocente reduktis tiun distancon, do oni legis en la gazeto, ke la longo estis nur 260 metroj!

**Mankhavaj kompostaĵoj**

La plej enormaj komposteraroj estas tiuj, en kiuj mankas vorto, frazo aŭ eĉ tuta alineo. La malesto de nur unu vorto ofte povas ŝanĝi la signifon de frazo. Tio okazis en mia novelo „Nigra Perfido" (*Norda Prismo*, 2/1992). Sur p. 20 estas jena frazo:
„Tiam ekstaris la ministro kaj, levante sian manon, signis al la amazonoj, ke ili plenumu la ordonon de la reĝo."
La kompostisto ellasis la vorton „ne" antaŭ „plenumu", do estis draste ŝanĝita la signifo de la eldiro de la ministro.

**Puzloj sur la paĝoj**

Tiu ĉi kompost-peko okazas, kiam la jam kompostita materialo estas distranĉita por aranĝi sur paĝoj kaj en kolumnoj. Se oni ne hazarde perdas partojn, povas esti, ke la tuta teksto troviĝas en la publikigaĵo, sed malzorge kunigita kun intermiksiĝo de pecoj. Pro tio ne eblas legi senchavan sinsekvon de frazoj kaj alineoj. Nur per streĉa penado estas eble al leganto religi la partojn de tiaj puzloj. En la kazo de mankantaj tekst-partoj, leganto ne povas havi eĉ ideeton pri kio aŭ kiom malestas.

**Aŭtoraj eraroj**

La komposteja koboldo ne respondecas pri ĉiuj lingvaj eraroj en publikigitaj tekstoj en Esperanto. Kvankam oni ofte misnomas ilin komposteraroj, ĉi-specaj fuŝaĵoj ekzistas en manuskriptoj **antaŭ** ol ili trafis en la manojn de kompostisto. Tri harstarigaj ekzemploj ilustros la materialon en tiu ĉi kategorio.

a. **Soveta** anstataŭ **sovetia**: Dum pluraj jaroj mi informis la redakcion de *Monato* pri la erara uzo de la adjektivo „soveta" anstataŭ „sovetia", kiam temas pri la lando kaj popolo, sed tiel tenace persista estas la formo „soveta", ke nek redakcianoj nek reviziantoj ĉiam sukcesis elsarki tiun eraron. Pekas pri uzo de la malĝusta formo ankaŭ loĝantoj de eks-Sovetio!
b. **Departamento** anstataŭ **departemento**: En 1993 mi kolektis tiom da ekzemploj de la uzo de „departamento", ke mi nomis ĝin „la eraro de la jaro". Vane estis mia provo atentigi la redakcion de *Eventoj* pri la plurfoja misortografio, ĉar en sekvaj numeroj de la gazeto la sama eraro aperis.
c. **Kolombo** anstataŭ **Kolumbo**: Ekde 1992, kiam okazis la 500a datreveno de la unua vojaĝo de la itala naviganto al Ameriko, lia nomo aperis en pluraj periodaĵoj kiel „Kolombo" (speco de birdo!). Nekredebla fuŝaĵo estis farita en longa artikolo de F. Boyet publikigita en *Kulturaj Kajeroj*, ĉar sur preskaŭ ĉiu paĝo troviĝas la erara nomformo „Kolombo".

**Anomaliaj eraroj, kiuj ne estas eraroj**

Tiu ĉi ŝajna kontraŭdiro rilatas al speco de modifado de vortoj, kiuj supraĵe similas al kompost-eraroj en aliaj kategorioj sed vere ne estas. Nur leganto, kiu tre atente analizas tekstojn povas malkovri tion. Pluraj ekzemploj troviĝas en *La Gazeto* (n-ro 50, 1994, p. 29 - 31). Rapide legante la koncernan pecon, mi notis la sekvajn anomaliajn vortformojn: stabeleco, desteno, akumolita, rutinia, itinereo, horizo, ilumeniĝinta, atmosfiro. Mi demandas min, kial la redakcio de *La Gazeto* ne ĝustigis tiom da ortografiaj eraroj. Tamen, pli profunda analizo de la listigitaj vortoj indikas, ke okazis *intenca* modifado aŭ elimino de radikfinaj silaboj, identaj al sufiksoj en Esperanto: il, in, ul, er, on. Kiel, do, karakterizi tiun kompostaĵon - erara, reforma aŭ simple kaprica?

**Venĝemo de la komposteja koboldaĉo**

En *Pola Esperantisto* (10/1988, p. 6 - 8) aperis mia artikolo titolita „Kvar planlingvoj kreitaj per virinoj". La titolo de la tajposkripto, kiun mi sendis al la redakcio, estis „Kvar planlingvoj kreitaj **de** virinoj". La koboldo anstataŭigis „de" per la prepozicio „per". En n-ro 5-6/1989 de PE la redaktoro prezentis ĝustigon de la prepozicia eraro, sed nova misaĵo estiĝis en la titolo: „Kvar lingvoj kreitaj de virinoj". Poste la redaktoro publikigis ĝustigon de la ĝustigo, klarigante ke „Kvar lingvoj" devas esti „Kvar **plan**lingvoj". Ĉu neniam estos fino de la venĝemo de la komposteja koboldo? Mi opinias, ke ne.

**Humursento de la koboldo**

En la enhavtabelo de *Debrece-*

*na Bulteno* (n-ro 47, 1988, p. 52) estas listigita mia artikolo „Helmar Frank - akuze kaj ruze sed obtuze kaj kontuze". Mi provis imagi, kiel Frank argumentas kontuze. Ĉu li promenas tra la stratoj de Paderborno, portante klabegon por kontuzi la kapojn de tiuj, kiuj ne samopinias kun li, aŭ ĉu la elĉerpita, venkita profesoro-doktoro, kun bluiĝinta vizaĝo kaj kontuzita kapo, ĉirkaŭvolvita per bandaĝo, kuras tien kaj reen, hurlante en ILo antaŭ la uloj de Sanmarino? Scivola leganto, kiu serĉas la koncernan artikolon, trovos, ke la ĝusta vorto estas „konfuze", ne „kontuze". Skeptikuloj eble demandos, ĉu, en la kazo de Frank, vere gravas, ĉu li argumentas konfuze aŭ kontuze. Ŝajnas, ke la komposteja koboldo sammaniere pensas.

**Komposterara konkurso**

Okaze de provlegado de kompostaĵoj de miaj unuaktaj teatraĵoj, mi trovis jenajn kompost-erarojn: 1. „mi subskribis la poemojn per psepdonião" 2. „sukcesas ne nur estingi la aluãetĵflaãon" 3. „ãi deva=inforãi, ke la klubĵka=o denove e=ta= malplena".
Mi invitas legantojn de IĴ provi solvi la enigmojn, kaj mi precipe scivolas, kiel Garvan Makaj' interpretas ilin. Jam faris sukcesan deĉifron du el liaj samlandanoj, Francis Fikpatrick kaj Michael McMerd.

**HALTIGU LA PRESMAŜINON!**
**Ankoraŭfoje okazis miseventoj en la gazeto *Eventoj***

Ĵus alvenis ekzemplero de n-ro 49 (1/marto, 1994) de *Eventoj*. Sur p. 7 Nikolao Gudskov skribas: „Ni nepre pli atentos pri preseraroj, kiel sugestas al ni kelkaj legantoj." Ĉu vere? Kiam?!
Post atenta legado de la koncerna numero mi rikoltis jenan dektrion da travideblaj kompost-eraroj: reehis (reeĥis), prizorgitiaĵon (prizorgi tiaĵon), priorotati (prioritati), opaperaĉoj (paperaĉoj), enla (en la), piedmarĝi (piedmarŝi), S-ro Aaron Goldberg/ S-ro Golding (kiu nomo estas la ĝusta?), komunump (komunumo), Atilla (Attila), humoraĵoj (humuraĵoj), Argentinio (Argentino), Salgótarjan (Salgótarján), Sao Paolo (São Paulo).
Estas evidente, ke ĝustigo de tiuj vortoj kaj propraj nomoj estas relative facila, sed nur la diablo kaj lia komplico, la komposteja koboldo, scias pri la kaŝitaj, netravideblaj komposteraroj, ekzemple en adresoj, telefon- kaj telefaks-numeroj, kaj datoj.
La plej enorma eraro en tiu numero de *Eventoj* estas la refoja misortografio de la vorto „departamento". Ĝi aperas du fojojn, kio indikas, ke ĝi ne estas simpla komposteraro sed rezultas el nescio pri la ĝusta vortoformo en Esperanto: „departemento".
a. „Dum komenco de 70-aj jaroj la serĉaddepartamento de la milita ministrejo en Usono decidis interkonsenti [...]" (p. 3).
b. „[...] UFE estas verŝajne la plej trafa asocio por instigi esperantistojn el ĉiuj departamentoj [en Francio] aliĝi en la telefonlibro al „ESPERANTO"." (p. 7).
Kiel mi menciis ĉi-supre, en 1993 mi deklaris, ke la ofta misuzo de „departamento" en Esperantaj publikigaĵoj faras ĝin „la eraro de la jaro". Nun ŝajnas, ke *Eventoj* volas kontribui pli da ekzemploj, por ke ĝi estu „la eraro de la jaro" enkaŭ en 1994.
TEĴA rajtas demandi, kial redaktoro, kompostisto kaj reviziantο (se li ekzistas) ne kapablas fari sian laboron en malpli amatora maniero.
Bernard GOLDEN

**ESTRAR-PROBONO**

# Nova honora membro de TEĴA

**Estas pli ol mirige, ke komunikad-scienco ĝis nun komplete neglektis fenomenon, sen kiu ni ne povus imagi ĵurnalismon en ĉiuspecaj presitaj komunikiloj. Ni parolas pri la plej tradicia en pres-arto profesiulo: la preskoboldo.**

En niaj esploroj, enketoj kaj reserĉoj ni konstatis ne nur, ke ekzistas eĉ ne la plej eta monografio pri la preskoboldo, sed eĉ pli: Kvankam ĉiuj pridemanditaj redaktoroj de *Eskima Glacio-Valo*, la informbulteno de l' Esperanto-Societo Norda Poltuso, ĝis *Heroino de Esperanto*, konfirmis ke en la respektivaj redakcioj aktivas la preskoboldo, tamen ĉiuj samtempe devis konfesi, ke ili neniam vidis tiun redakcianon kaj do neniu konas ĝin persone. Ja, oni ĝis hodiaŭ eĉ ne scias, kiun sekson ĝi havas, tiel ke ni ne povas paroli pri ŝi aŭ li; oni nur povas supozi, ke ĉi tiu kollego estas ambaŭseksa aŭ neŭtra.

**Bonega lingvo**

La konata psikoanalizisto *Klaŭno Piranjo* en sia monumenta verko pri la psiko de Esperanto-redaktoroj, *La bonega lingvo*, ja draŝe kaj draste mencias la gigantan kontribuon de l' preskoboldo al la evoluo de la lingvo, sed bedaŭrinde ankaŭ ne okupiĝis pri ĝi mem. Piranjo klarigas nek, kiun parton de l' cerbo, la dekstran aŭ maldekstran, uzas preskoboldo, nek kiuseksa ĝi estas. Klare ŝajnas nur, laŭ aludoj de Piranjo, ke la preskoboldo multe furoras en Francio. Por la momento do ni devas vole-nevole akcepti, ke ni havas nenian sciencan certecon pri ties sekso; pro tio ni supozas ĝis mala pruvo ke ĝi estas neŭtra. ►

**Mirindaj ecoj**

Tion subtenas la ecoj konstateblaj ĉe preskoboldo, kiuj estas kaj virinaj kaj viraj. Ĝi estas obstina, persista, lerta, ruza, sperta, inventema, energia, batalema, sprita, amuza, kruda, delikata, modesta, amibicia, fidela, fidinda, por mencii nur la plej gravajn karakterajn proprecojn.

Kiom ruza ĝi estas, ni ekzemple povas konstati sole jam per la termino *preskoboldo*, kiun petole ĝi alprenis. Ĉar evidente tute ne temas pri *presado*, kiam ni parolas pri ĝia tumulto-sfero, sed ja pri *kompostado*. La koblodo ploras - pardonu: la klopodo tordas - vortojn kaj literojn ne en la fazo de presado, sed en tiu de kompostado, kaj ruze kaŝas siajn malicaĵojn ĝis la momento, kiam ĉio jam estas presita! Konsekvence ĝi erarigas ankaŭ legantojn kaj lingvopapojn kiel la fajfaman *Punardon Goltenon*, kiuj parolas pri *preseraroj* anstataŭ pri *kompost-eraroj*.

**Metuzalemo**

Alia elstara trajto de tiu ĉi fenomenulo estas ĝia multlingveco: fakte ĝi estas ne nur poligloto sed totalgloto, ĉar ĝi furoras en ĉiuj lingvoj de l' mondo. Probable ĝi kiel sola estaĵo vivanta regas kaj regalas ĉiun aĵn lingvon, dialekton kaj subdialekton, naturajn kaj arte faritajn lingvojn same kiel ĉiujn kompostmaŝinojn inventitajn iam ajn. Onidire ĝi naskiĝis tuj post invento de kompostado; oni trovis ekzemple sur antikvaj desegnaĵoj, kiuj prezentas la metiejon de Gutenbergo, iun strangan figureton, pri kiu oni dum longa tempo ne sciis precize, kiun signifon ĝi havas. Intertempe preskaŭ ĉiuj koboldologoj estas certaj, ke temas ĝuste pri ĝi: la preskoboldo.

Ĉiaj provoj ekstermi aŭ korekti ĝiajn fuŝojn ĝis nun estis vanaj kaj vantaj - male: ĉi tiu Metuzalemo de l' presarto senprobleme eniris ankaŭ la plej modernan teknikon de *komputorado, komputerado, komputado* kaj *komputilkomplikado*. Evidente ĝi komforte vivas ankaŭ en komputiloj, foje sub la kaŝnomo de *komputila viruso*.

- Konsiderante ĉi ĉion kaj diversajn aliajn gravajn aspektojn, la pestraro de TEĴA unikanime decidis proponi al la venonta membrankunveno donaci al la preskoboldo

**dumvivan honor-membrecon eksterordinaran.**

La estraron gvidas jenaj argumentoj:

- Preskoboldo spicas kaj vigligas vivon kaj laboron de ĉiuj ĵurnalistoj, redaktoroj, komponistoj, korektistoj, reviziantoj, aŭtoroj kaj presistoj.
- Preskoboldo amuzas ĉiujn legantojn per siaj petolaĵoj, tiel ke el eĉ plej tedaj tekstoj fariĝas legindaj verkaĵoj; tiel ĝi vere servas kaj utilas al ĵurnalismo kaj ties renomo.
- Preskoboldo estas perfekta esperantisto, ĉar en tiu ĉi lingvo evidente ĝi plej energie investas siajn kapablojn - en neniu alia lingvo aperas tiom da preskoboldaĵoj!

Tial, laŭ opinio de l' estraro ĝi plene meritas fariĝi honora membro de TEĴA.
Krome la estraro volas proponi al la membraro, starigi fondaĵon por
1. science esplori la fenonemon
2. starigi monumenton domaĝe al preskoboldo. ■



## LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-86150 Augsburg
FR Germanio

## Seminarioj

**Pri seminarioj skribas *Claude Rouget*, redaktoro de VERDire, Norvegio:**

Bonvolu ne tro haste konkludi: „do la estraro ne plu organizos seminariojn" (IĴ 1-2/94). Miaflanke, mi ne sciis pri tiu seminario antaŭ ol mi legis pri ĝia ŝajna fiaskiĝo. Sed ĉiukaze, se okazis komence de oktobro, kiel mi supozas pro aludo al la „agotagoj", mi tamen ne povintus partpreni la seminarion, ĉar mi tiam ne havis feriojn (mi estas instruisto).
Mi jes deziras partopreni tian seminarion, sed prefere dum la someraj ferioj.
Cetere IĴ estas interesa. Gratulojn!

## Mankoj en jarlibreto

***Will Green*, Britio, skribas pri la jarlibreto:**

Mi hodiaŭ ricevis la Jarlibreton de TEĴA kaj studis ĝin kun intereso. Ĝi estas plena de informo, kiu interesas min.
Mi tamen fosis plurfoje tra la paĝoj, kaj inter la listo de redakcioj kaj tiel plu mi ne trovis

la nomon de unu el la plej malnovaj gazetoj Esperantaj. Mi aludas. kompreneble. al LA BRITA ESPERANTISTO. Jes. en la adresaro. sed ne en la listo. Eĉ tie sub La! Mi dubas pri la valoro de klasifikado uzanta la komencan LA.
Alia prefero mia estus vidi la oficialajn bultenojn k. s. de landasocioj sub aparta rubriko. Kaj la indiko aliloke ĉu oni invitas verkojn. ĉu oni pagetas?

## Insulto

***Garvan Makaj'* skribas:**

S-ro Bernard Golden. kiu ne persone konas min. komparas min kun „unuakursano". kiu ne kapablas rekoni en kripligita formo la vorton „enmanigante" (IĴ 1-2/94. p. 13). Fakte. temis pri iom peza ŝerco mia. Ne pro tio. li bezonas insulti min.

## Kiu antisemito?

**Denove temas pri antisemitismo en letero de *Donald Broadribb*, Aŭstralio:**

Min mirigis legi la leteron de Bernard Golden pri mi. en IĴ 1-2/94. Kial li tiom volas vipi mortintan ĉevalon?
Laŭ mia memoro. neniu aŭstralazia esperantisto skribis al mi antisemite. Se iu faris tion al Bernard Golden. mi bedaŭras nome de la aŭstralazia esperantistaro. Mi ne scias pri kiu persono temas - ke mi menciis ties nomon en korespondado kun Bernard Golden nur mistifikas min. Trarigardante mian korespondadon kun Bernard Golden (ekde decembro 1991. kiam mi unuafoje perkomputile skribis al li. do havas surdiskan kopion) mi trovas la nomon de neniu persono kiu iam esprimis al mi antisemitismon. Kompreneble mi devas respekti la devon de Bernard Golden ne informi pri la nomo. pro la konfidencpostulo de la koncerna persono. Sed se mi ja menciis la nomon de la koncerna persono. pri lia antisemitismo mi nek sciis nek nun scias.
Mi mem neniam ellasis mencion pri la judeco de Zamenhof en iu ajn artikolo sendita por publikigo en gazeto redaktata de mi. kaj lia judeco ja estas plurfoje menciita en artikoloj miaj engazetaj kaj enlibraj. (Ja la hebrea gramatiko multe influis la verbsistemon de Esperanto. kiel ankaŭ la akuzativon: Zamenhof tre bone scipovis la hebrean lingvon. kiel ankaŭ mi. kaj li tre geniece prunteprenis el ĝi tiujn influojn.)
Kion pli mi povas diri? Ke Bernard Golden scias pri la antisemitismo de iu aŭstralia esperantisto kaj mi ne? Tio jam estas tre evidenta. Ĉu la persono loĝas 1000 kilometrojn aŭ 16000 kilometrojn for ne ŝajnas grave. (Mi memorigas ke inter Perto kaj Sidnejo estas pli ol 3000 aerkilometroj.)
Kio pli estas dirinda? Mi povas elpensi nenion. Kial Bernard Golden estas tiel atakema kontraŭ mi? Tion mi ne scias. Se iu leganto bonvolos ekspliki. verŝajne okazos ia progreso rilate la (laŭ mi) sencelan disputon.
Intertempe mi akiros kaj studos la *Manlibron pri Ĵurnalismo* rekomenditan de Stefan Maul. Eble ian subtilan ekkomprenon mi akiros pri la afero.

## Nomoj de Zamenhof

**„Erari estas home, obstini en eraro estas murgine," skribas *Bernard Golden*, kaj daŭrigas:**

Post la apero de la murgina konfeso „Mi estas marksisto" (IĴ 1-2/94. p. 13 - 15). mi sentis. ke estas mia devo ankoraŭfoje informi legantojn de la revuo pri la ripetiĝanta misinformado. kiu originas el la plumo de la bulgara verdstelulo. Ŝajnas. ke neniam estos fino de tiu polemikado. ĉar ju pli da falsaj faktoj Murgin surpaperigas. des pli da ĝustigoj estas bezonataj por malkovri la veron.

**„Se fremda la fako, restu ferma la faŭko!"**

Mi deziras nun pritrakti nur unu eron en la artikolo de Murgin. kiu servos kiel ekzemplo de la manko de solidaj scioj. kiu ebligas al li tiri siajn misgvidajn konkludojn. Sur p. 14 - 15 li aŭdace skribas: „La nomoj *Eliezer* kaj *Motelev* neniam estis uzataj de Zamenhof. Ili estas elpensitaj de Golden [...] La patra nomo de Zamenhof el karesnomo Motel ne povas esti Motel'ev. Se eventuale ĝi ekzistus. ĝi devus esti Motel'evič. Kiu eltordas? Golden. sed ne Murgin."
Leginte tiujn vortojn. la Diino de la Vero certe ruĝiĝis de la verto ĝis la piedfingroj. Kiel povas esti tiel misinformita Murgin?

**„En argumento, dokumento estas fundamento"**

Per la sekvaj dokumentitaj faktoj mi sciigos Murgin pri la uzo de la nomoj *Motel* kaj *Motelev*. La hebrea nomo de la patro de d-ro L. L. Zamenhof estis *Mordeĥaj*. Du diminutivaj formoj estis uzataj: 1. *Mordka*, en kiu *-ka* estas rusa pejorativa sufikso; 2. *Motel* kun la jida diminutiva sufikso *-el*. La enskribaĵo pri la naskiĝo de Lejzer sur paĝo de la matrikul-libro de la juda komunumo en Bjalistoko donas kiel la nomon de la patro ne *Mordeĥaj* sed *Mordka*. *Motel* aperas en la diplomo. kiun d-ro Zamenhof ricevis de la Imperia Varsovia Universitato la 28an de februaro 1885. La rusaj vortoj estas: „Lazarj sin Marka (v. Motelja). Zamengof" (Lazar filo de Mark (ĝuste Motel). Zamenhof). *Motelev* enhavas la rusan sufikson *-ev*. signifantan. ke temas pri filo de iu. do *Motelev* estas la ekvivalento de „Motel-filo". Tiu ĉi patronoma formo troviĝas en atesto, kiun Zamenhof ricevis la 25an de

aŭgusto 1881 de la rektoro de la Imperia Moskva Universitato, kiam li petis permeson reiri al Varsovio por daŭrigi siajn medicinajn studojn en la tiea universitato. La atesto informas, ke la ricevinto estas „filo de instruisto, Lazar Motelev Zamenhof".

**„Al hirudo sufiĉas aludo"**

Nu, kion diras Murgin nun? Ja estas evidente, ke dokumentoj estas pli elokventaj ol lia febla pepado. Oni esperu, ke post la ĉi-supra klarigo pri nomformoj, la „eterna eltordanto" Murgin ne plu makulos la paĝojn de IĴ per siaj misrezonado kaj misinterpretado rilate la vivhistorion de d-ro Zamenhof.

# METIEJO

**PRAKTIKAJ kaj UTILAJ AFEROJ**

## Konsiloj por korektado de kompostitaj tekstoj

**Manko de profesiaj korektistoj en Esperantujo**

En redakcia komento (IĴ 1-2/94, p. 13) Stefan Maul emfazas, ke ĉar li „estas plurfunkcie ankaŭ kompostisto kaj reviziisto [...] la fakorgano de ĵurnalistoj pekas kontraŭ grava ĵurnalisma principo, ke ne devas kompostisto aŭ redaktoro mem revizii tekstojn." En **Manlibro pri Ĵurnalismo** de Judith Junger kaj Stefan Maul estas klarigo pri la problemo de reviziado de kompostaĵoj, kaj ĉi-rilate estas difinita la termino „korektisto": „persono, kiu *profesie* revizias (korektas) kompostaĵon laŭ la manuskripto en kompostejo". Mi emfazis la vorton „profesie", ĉar ne estas nubo da dubo, ke en la redakcioj de Esperantaj publikigaĵoj profesiaj korektistoj estas nombreblaj nur per la fingroj de la manoj - kaj plej probable ne estas bezonataj ambaŭ manoj.

**Graveco de la originala manuskripto**

Estas malkonsilende legi prov-kompostaĵon sen havi antaŭ la okuloj samtempe la originalan manuskripton, ĉar nur tiel estas eble konstati, kiom da modifoj estis faritaj de la kompostisto, kaj ĉu estis ellasitaj teksteroj. Cetere, oni neniam legu de presprovaĵo al manuskripto sed ĉiam de manuskripto al presprovaĵo. Eĉ se laboras profesia korektisto, la samtempa legado de la manuskripto kaj la kompostaĵo estas tre okulstreĉa laboro kaj ĝi okazigas mankon de precizeco.

**Du paroj da okuloj estas bezonataj**

Efektive, estas nur unu racia maniero plibonigi la situacion; devas okupiĝi pri reviziado ne unu sed du okulparoj. Plue, tiu laboro devas okazi ne sinsekve sed samtempe. Ne temas pri plenumo de reviziado fare de unu persono kaj poste de dua reviziado fare de alia persono. La du reviziantoj devas labori kune, kunlabore. La laboro dividiĝas en tiu ĉi maniero. Unu el la reviziantoj tre zorge **voĉlegas** la originalan manuskripton. (En unsonangla tipografia faklingvo li nomiĝas *copyholder*, laŭvorte tekst-tenanto.) Lia kolego, kun la okuloj nur sur la kompostaĵo, sekvas vorton post vorto. Estas grave, ke la voĉleganto ne atentu la enhavon aŭ sencon de la teksto, ĉar tio povas konduki al neglekto de teknikaj detaloj. Li devas informi pri interpunkcio, majuskligo, kursivigo, citado, novaj alineoj k. s. En la marĝenoj de la prov-kompostaĵo la korektisto notas ruĝplume, per speciala tipografia signaro, ĉiujn misojn kaj mankojn kaj ankaŭ dubajn aspektojn de la teksto. En tiu ĉi kazo la aŭtoro devas prezenti klarigojn.

Bernard GOLDEN

## Nur bagatelo?

En ne malmultaj manuskriptoj kaj presitaj artikoloj ni renkontas signojn kaj vortojn kaj mallongigojn kaj ciferojn, kiuj estas kunigitaj sen spaceto inter la diversaj elementoj. Jen por via kompreno: 50%, t.e., p. 123-128, 5$ kaj similaj.

Tiu maniero de kunigo tamen ne estas logika, ĉar se ni skribas la suprajn ekzemplojn per plenaj vortoj, ni havas: 50 procentoj (elcentoj), tio estas, paĝo 123 ĝis 128, 5 dolaroj. Konsekvence do, uzante mallongigojn aŭ signojn, ni ankaŭ devas meti spacetojn inter la diversaj elementoj.

Eble ja nur bagatelo, sed ŝajnas al mi ke oni pli bone povas legi 50 %, t. e., p. 123 - 128, 5 $.

sm

**Paper-konsumado**

**1991 por loĝanto en kg**

